Aussprache der Konsonanten; so durften vor g und k nicht nasaliert werden (wie im Deutschen „Banknoten" im Gegensatz zu „Bahnknoten"). Anstatt von Laut hätte man von Phonem sprechen müssen. Ein Phonem ist ein Lautbereich, der bis zu den Grenzen der benachbarten Phoneme variiert werden darf. Wird diese Grenze überschritten, so erhält das Wort eine andere Bedeutung oder wird sinnlos. In gewissen Fällen ist sogar die Grenzüberschreitung zulässig, nämlich bei der sogenannten „regressiven Assimilation": „apsoluta" *statt „absoluta"*, „egzisti" *statt „ekzisti"*. Hier spielt die Konsonantenverbindung die Rolle eines Phonems, d. h. ps und bs, gz und kz bedingen keinen Bedeutungsunterschied. Diese moderne phonologische Betrachtungsweise ist auf Esperanto besonders durch den Sowjetischen Sprachwissenschaftler Prof. Dr. Bokarev (vgl. „der esperantist" Nr. 15, S. 7) angewandt worden. Seine Ausführungen vor dem 51. UK in Budapest 1966 finden sich auszugsweise in „Nuntempa Bulgario" 11/66. Von dort sei zur Vokalaussprache noch nachgetragen: *„tiel nomata problemo pri vasteco kaj longeco de esperantaj vokaloj estas tute malprava kaj sensignifa."*

# Pri „Komplementär"

Responde al la alvoko publicita en „der esperantist" n-ro 24 paĝo 11 mi permesas al mi prezenti jenajn konsiderojn.

Penante trafe traduki la nocion „Komplementär", oni ne povas preteriri la fakton, ke ĝi estas jura nocio konata jam depost multaj jaroj kaj konservanta sian juran karakteron ankaŭ nun sub la kondiĉoj de sia aplikado al estroj de duonŝtataj entreprenoj. Ĝian ĝustan (kaj internacie kompreneblan) esperantigon oni povas nur fari sciante kaj konsiderante ĝian juran enhavon.

La jura enhavo estas trovebla en la germana Komerca Kodo. Tiu ĉi kodo, kvankam tre malnova kaj devenante de kapitalisma tempo, estas ankoraŭ valida ankaŭ en GDR, kompreneble nur tielgrade, kiel ĝi ne estas anstataŭita per novaj leĝaj dispozicioj. Ĝi tute ne plu validas por la popolpropra sektoro de nia nacia ekonomio, ĉar por tiu ĉi sektoro senescepte validas novaj leĝoj. Sed en la ankoraŭ ekzistanta malgranda privata, kapitalisma sektoro de nia nacia ekonomio ĝi plu validas.

Kaj ĝuste por doni al entreprenistoj de tiu ĉi privata sektoro bonajn evolukondiĉojn, samtempe

enordigante ilin en la tutŝtata planadon kaj direktadon de la nacia ekonomio, la registaro de GDR utiligas la jurajn eblecojn donitajn per la malnova Komerca Kodo. Por la subteno, kiun la ŝtato donas al privataj entreprenistoj disponigante al ili ŝtatajn monrimedojn, la kompetentaj ŝtataj instancoj elektis la juran formon de komandit (societ) o laŭ la dispozicioj de la Komerca Kodo. En kazo de disponigo de ŝtataj rimedoj, la ŝtato (laŭregule reprezentata de ŝtata banko) faras kun la privata entreprenisto kontrakton, per kiu komerca societo, nome komandito, estas fondata. Tiu ĉi nova komandito estas enregistrata en la oficiala komerca registro. En la komandito la ŝtato per la reprezentanta ĝin banko transprenas la rolon de komanditisto (aŭ, laŭ Plena Vortaro, komanditanto), dum la ĝisnuna privata entreprenisto ekhavas la rolon de „Komplementär". La reciprokaj rajtoj kaj devoj de tiuj ĉi du specoj de societanoj, tielgrade kiel ili ne estas devige preskribitaj per la Komerca Kodo, estas fiksataj en la menciita kontrakto. Ĉefa enhavo de tiaj kontraktaj dispozicioj estas la rajto de la ŝtato pri la kontrolo de la entrepreno rilate ties negocadon kaj la devo de la entreprenisto enordigi, evoluigi kaj praktiki tiun ĉi negocadon laŭ la reguloj de la ŝtata planado kaj en kunlaboro kun la kompetentaj ŝtataj gvidorganoj de la koncerna ekonomibranĉo.

Tiamaniere per utiligo de jura formo prenita el malnova leĝo estas atingata la celo inkluzivi en la ŝtatan planadon kaj gvidadon de la nacia ekonomio la ankoraŭ restantajn privatajn entreprenistojn, kiuj samtempe estas subtenataj kaj sekurigataj per la ekonomia forto de la tuta nacia ekonomio. Estas klasika modelo de lerta kaj ĝusta traktado de bonvolaj kapitalistoj en la transira periodo de kapitalismo al socialismo.

Oni devas substreki ke en la kadro donita per la jura formo de komandito la respondeco de la „Komplementär" rilate la agadon de la entrepreno kaj la garantiadon al kreditoroj estas neniel limigata. Tiu ĉi garantiado inkluzivas la tutan havaĵon negocan kaj privatan de la „Komplementär" (dum la garantiado de la ŝtato kiel komanditanto estas limigata je la donita monsumo). El la plena respondeco por la tuta agado de la entrepreno rezultas la rajto kaj la devo de la „Komplementär" direkti kaj estri la entreprenon. Do la „Komplementär" estas la aktiva, estranta, sed ankaŭ plene respondeca ano de la komandito, dum la komanditanto estas la neaktiva, nur konsilanta kaj kontrolanta ano, respondeca nur en tre malvastaj limoj. Tiu ĉi situacio devas esti konsiderata ĉe la esperantigo de la vorto „Komplementär".

El tio rezultas la propono esperantigi la vorton „Komplementär" per

plenrespondeca komanditestro

aŭ, se tio estas sentata kiel tro longa, simple per

komanditestro.

*D-ro Karl Schulze, Berlin*

# NEOLOGISMOJ?

**Eine Erwiderung von Erich-Dieter Krause**

*Gestatten Sie mir, im folgenden einige Ausführungen zu machen zu dem im Juniheft (Nr. 22/23) veröffentlichten Artikel „Neologismoj?", der auf einer Zuschrift von Herrn Herbert Rothe, Karl-Marx-Stadt, basiert.*

Herr Rothe kritisiert einige im Esperanto-deutschen Taschenwörterbuch verzeichnete Ausdrücke. Als Autor dieses Buches fühle ich mich verpflichtet, eine entsprechende Erwiderung auf diese Kritik zu geben.

Herr Rothe nimmt Anstoß an im Wörterbuch aufgenommenen Ausdrücken wie „infanĝardeno" und „saŭrkraŭto", anerkennt, daß „acida brasiko" ebenfalls verzeichnet ist, will jedoch verbessern und plädiert für „fermentita brasiko". Er spricht dabei von „Unsinnigkeiten der heutigen Wörterbuchverfasser".

Zunächst einmal eine grundlegende Feststellung: Ein Wörterbuch *Esperanto*—Deutsch muß das verzeichnen, was in Esperanto geschrieben und gesprochen wird, d. h. wenn nun einmal Neologismen verwendet werden (Herr Rothe bestätigt dies selbst, indem er etliche, nicht einmal unbedeutende Esperanto-Zeitschriften zitiert), dann ist der Autor eines Wörterbuches *Esperanto*—Deutsch verpflichtet, zumindest den Großteil dieser Wörter aufzunehmen. Der Benutzer eines Wörterbuches verlangt Auskunft über Wörter, die er hört oder liest und mögen das dreist Neologismen sein. Er will wissen, was das nichtverstandene Wort bedeutet. Anders verhält es sich bei der Anlage eines Wörterbuches *Deutsch*—Esperanto. Hier muß der Autor auswählend und empfehlend wirken, indem er bewährte Esperanto-Ausdrücke und nur unumgänglich notwendige Neologismen aufnimmt und dem Benutzer zur Verwendung empfiehlt. Das sind also zwei Dinge, die Herr Rothe offensichtlich völlig durcheinandergebracht hat.

Nun zu den „Unsinnigkeiten". Herr Rothe weiß sicherlich, daß die Internationalität des Sprachschatzes des Esperanto neben der Tatsache, daß Esperanto orthophonetisch ist, eine äußerst positive Rolle bei der Verbreitung der Internationalen Sprache gespielt hat und heute noch spielt. Wie kann dann die Bildung „infanĝardeno", wofür der Verfasser des Wörterbuches übrigens zig Belege aus Esperantotexten vorlegen kann, eine Unsinnigkeit sein? Glaubt Herr Rothe das international viel leichter verständliche „infanĝardeno" ist unmöglich, nur weil er nach altherkömmlicher Esperanto-Sitte dafür lieber „infangardejo" bilden würde. Nebenbei gesagt, ist nun „infangardejo" Kindergarten, Kinderkrippe, Kinderbewahrungsanstalt oder was noch?

Mir ist dieser Drang, alles unter allen Umständen mit Esperantobildungssilben zu meistern, aus Unterhaltungen mit vielen orthodoxen Esperantisten bekannt. Da gibt es dann solche Wortungeheuer wie „ŝvitsurfrunte" und „lignhaki", auch gar „surmetulino" für „manekeno" usw.

Aber wollen wir doch die „Unmöglichkeit des Wortes infanĝardeno" etwas genauer untersuchen. Alle Welt bildet das Wort „Kindergarten" aus den beiden Wörtern „Kinder" und „Garten", so

| | |
|---|---|
| der Spanier | = jardin d'infancio |
| der Franzose | = jardin d'enfants |
| der Engländer | = kindergarten (deutsches Lehnwort) |
| der Indonesier | = (taman = Garten, kanak-kanak = Kinder) |
| der Russe | = djetskij ßad (ßad = Garten) |

Ich könnte diese Liste übers Chinesische, Italienische, Holländische usw. fortführen, aber ich glaube, damit Herrn Rothe überzeugt zu haben.

Zum Ausdruck „saŭrkraŭto" genügte nach alledem, was im ersten Teil meiner Erwiderung gesagt wurde, eigentlich nur noch hinzuzufügen, daß der Ausländer z. B. in einem Moskauer Restaurant «сауеркраут» auf der Speisekarte vorfindet und ebenso wie der Engländer das deutsche Lehnwort „sauerkraut" in seinem Vokabelschatz verwendet.

Und schließlich und letztlich zu Herrn Rothes „Verbesserungsvorschlag": fermenti (vgl. Plena vortaro S. 127) bedeutet „gären". Als intransivites Verb müßte es außerdem heißen „fermentinta" (und nicht: fermentita!). „Fermentinta brasiko" würde allerdings „gegorenes Kraut" bedeuten und das dürfte Herr Rothe kaum für „Sauerkraut" vorschlagen wollen.

Djakarta (Indonesien), 9. September 1968

# El la laboro de la Terminar-komisiono

**Por traduko de precipe novaj esprimoj la komisiono rekomendas:**

| | |
|---|---|
| Arbeiter-und-Bauern-Staat | — ŝtato de laboristoj kaj kamparanoj |
| Aufbauhelfer | — volontulo por rekonstruo |
| Bewältigung der Vergangenheit | — majstrado de la pasinto |
| Fließband | — muntadbendo |
| Formierte Gesellschaft | — formita socio |
| Kaderarbeit | — laboro kun personaro |
| Notstand | — kriza stato |
| Notstandsgesetze | — leĝoj por kriza stato |
| sozialistische Menschenführung | — socialisma homgvidado |
| Verfügungsgewalt über Kernwaffen | — disponpovo pri nuklearmiloj |
| Volkseigentum | — popola proprieto |
| Vorwärtsstrategie | — ofenziva strategio |

*Bert Brecht:*

# SE LA ŜARKOJ ESTUS HOMOJ

– Se la ŝarkoj estus homoj, al S-o K. demandis la filineto de la dommastrino, ĉu ili tiam estus pli afablaj al la malgrandaj fiŝoj?

– Certe, li respondis. Se la ŝarkoj estus homoj, ili konstruus en la maro kestegojn por la malgrandaj fiŝoj, kun ĉiaspeca nutraĵo, plantoj kaj bestetoj.

„Ili zorgus, ke en la kestegoj ĉiam estu freŝa akvo; cetere ili farus ĉion por la saneco kaj por agrabligi la vivon. Ekzemple, se fiŝeto vundiĝus je la naĝilo, oni tuj bandaĝus ĝin, por ke la fiŝeto ne formortu antaŭ la konvena tempo. Por malhelpi ke la fiŝetoj estiĝu malgajaj, oni aranĝus de tempo al tempo akvofestojn, ĉar gajaj fiŝetoj gustas pli bone ol malgajaj. Kompreneble oni instalus lernejojn en la grandaj kestoj. En tiuj lernejoj la fiŝetoj lernus kiamaniere oni „ennaĝas" en la faŭkon de la ŝarkoj.

„Ili kompreneble bezonus geografiajn sciojn, por trovi la grandajn ŝarkojn, kuŝantajn maldiligente ie. Ĉefaĵo estus kompreneble la morala klereco. Oni instruus al ili, ke estas la plej bela kaj impona ago, se fiŝeto ĝojplene oferas la vivon por la ŝarkoj. Ĉiuj devus kredi al la ŝarkoj, se tiuj dirus: ni zorgas por belega estonteco. Oni instruus al la fiŝetoj, ke tia bela estonteco estos certa nur se ili estas obeemaj. Kompreneble, la fiŝetoj ne rajtus havi materialistajn, marksistajn aŭ egoistajn pensojn. De ĉiuj malaltnivelaj pensoj la fiŝetoj devus sin deteni; cetere tuj anonci al la ŝarkoj, se iu montrus iun ajn ne konvenan emon tiurilatan.

Se la ŝarkoj estus homoj, ili kompreneble ankaŭ intermilitus, por konkeri fremdajn kestegojn kaj fremdajn fiŝetojn. Militi devus kompreneble la fiŝetoj. Oni instruus al la fiŝetoj, ke inter ili kaj la fiŝetoj de la aliaj ŝarkoj, ekzistas grandega diferenco. La fiŝetoj estas ja mutaj, sed ili silentas en tute malsamaj lingvoj kaj tute ne povas kompreni unuj la aliajn. Ĉiu fiŝeto, kiu mortigus dum la milito aliajn, malamikajn, en alia lingvo silentantajn fiŝetojn, ricevus ordenon el fuko, kaj la titolon heroo.

Se la ŝarkoj estus homoj, kompreneble ankaŭ ekzistus arto. Oni kreus belajn bildojn, sur kiu la dentoj de la ŝarkoj brilus en la plej belaj koloroj. La faŭkoj de la ŝarkoj aspektus kvazaŭ amuzĝardenoj, en kiuj oni povas ĝojplene promeni. La teatroj sur la marfundo montrus, kiel heroaj fiŝetoj entuziasme ennaĝas la faŭkon de la ŝarko. La muziko estus tiel belega, ke la fiŝetoj postsekvus la muzikistaron, enlulitaj en la plej belajn pensojn kaj are eniĝus en la ŝarkajn faukojn. Tute klare ankaŭ ekzistus religio, se la ŝarkoj estus homoj. Ĝi instruus, ke la fiŝetoj nur en la ventroj de la ŝarkoj ekkomencas ĝuste vivi. Cetere ankaŭ ĉesus tio, se la ŝarkoj estus homoj, ke la fiŝetoj estas samrajtaj. Kelkaj el ili ricevus oficojn kaj havus pli da rajtoj (la iom pli grandaj eĉ rajtus formanĝi la pli malgrandajn. Tio por la ŝarkoj nur estus pli konvena, ĉar tiam ili pli ofte trovus pli grandajn pecojn por manĝi). La pli grandajn oficojn havantaj fiŝetoj zorgus por la ordo inter la fiŝetaro, ekzemple kiel instruistoj, oficiroj, inĝenieroj por kestkonstruado, ktp, ktp. Tutsimple, nur se la ŝarkoj estus homoj, ekzistus kulturo en la maro."

***Trad.: H. Schmid (el „La Praktiko")***

### Tra Soveta Ukrainio

En Kiev, ĉefurbo de la Soveta Ukrainio, fondiĝis oficiale Esperanto-Komisiono en kadro de la Ukraina Societo de Amikeco kaj kulturaj Kontaktoj kun Eksterlando. La tasko de la komisiono estas kunordigi la internaciajn kontaktojn de la ukrainaj Esperantistoj.
La novfondita komisiono eldonis informan revuon „Tra la Sovetia Ukrainio" en Esperanto. La revuo aperis ĝis nun en ukraina, rusa, angla kaj franca lingvoj. Post la apero estos sendataj ekzempleroj senpage al ĉiuj Esperanto-Organizaĵoj, redakcioj kaj unuopuloj, kiuj interesiĝas pri la vivo en Ukrainio.
La unua speciala eldono en Esperanto de tiu-ĉi bulteno enhavas sur 40 paĝoj tre interesajn artikolojn pri scienco, kulturo, historio kaj poemojn.
Ni ne povas ne laŭdi la klaran kaj belan stilon de la tradukistino N. Adrianova kaj volas malatenti kelkajn neologismojn.
La bulteno, kiun ni rekomendas al ĉiuj esperanto-amikoj estas mendebla ĉe „Ukrainia Societo de Amikeco" Esperanto komisiono **Kiev 21,** strato Kirova 5 a Sovetunio.

*Vildebrand*

### IV-aj Internaciaj Esperantistaj Ferioj en Pollando

En la bela montara ripozloko Miedzygórze (par. Miendziguĵe) okazis ekde la 17-a ĝis 30-a de septembro 1968 la IV-aj Internaciaj Esperantistaj Ferioj, kiujn partoprenis proksimume 280 personoj el Pollando, Bulgario, Francio, Germana Demokratia Respubliko, Hungario, Rumanio, Sovet-Unio, Svedio kaj Usono.
Por la kotizo de 700 zl oni ĝuis en la granda, komforta ripozdomo „Gigant" agrablan loĝadon, bongustajn, abundajn manĝaĵojn, interesan programo de multaj aranĝoj kaj belaj ekskursoj. Ĉiutage antaŭtagmeze okazis Esperanto-kursoj elementa kaj konversacia.
Sed oni ne nur prelegis kaj lernis en „Gigant", oni ankaŭ multe amuzis sin. Krom danc-vesperoj, Hungara kaj Pola Vesperoj — spektakloj de laikoj — distris kaj impresis per variaj, bonsukcesintaj prezentaĵoj grandnombran publikon, kiu abunde aplaŭdis. De kvar blindaj feriantoj estis aranĝata unuaranga prelego „La mondo, kiun ni ne vidas". Ĝi estis interesega por multaj aliaj interesiĝantoj.
Miedzygórze situas bele. Ĝia kuraciga klimato povus konkurenci kun kelka klimata kuracloko en Svislando.
Ankaŭ sekvontjare okaziĝos la Internaciaj Ferioj en Miedzygórze. Nepre planu partopreni.

*E. Wald, Dresden*

### Dekunu nacioj en Festivala Esperanto-Programo

Sofia — Inter la miloj da gejunuloj kiuj alvenis Bulgarion por partopreni la Naŭan Mondan Festivalon de la Junularo kaj Studentoj ne mankis parolantoj de la Internacia Lingvo. Okazis speciala Esperantista Renkontiĝo dum la festivalo, kaj Esperantoparolantoj divers-

flanke kontribuis al la ĝenerala programo de la Festivalo. Kvarmembra observanta delegitaro de TEJO, sub gvido de Marie-Helene Bourdier (Francio), partoprenis laŭ speciala invito de la festivalaj instancoj. Kunsidon pri la kontribuo de la Internacia Lingvo al junulara amikeco partoprenis reprezentantoj de 11 landoj, kiuj aŭdis raporton de Simeon Simeonov (ĉefe pri la kontribuo de TEJO) kaj mem partoprenis la postan diskuton. La kunsido okazis en la laborlingvoj de la festivalo, sed aparta esperantlingva renkontiĝo kaj ekskursoj ankaŭ okazis dum la Festivalaj tagoj (28. 7. — 6. 8.). La delegitaro havis valorajn kontaktojn kun reprezentantoj de pluraj internaciaj junularaj organizaĵoj neesperantistaj.

**Dreimal täglich Radiosendungen aus Warschau**

Seit langem hat Radio Warschau (Parolas Varsovio) in Esperanto täglich eine halbe Stunde interessante Programme gesendet. Jetzt erfahren wir mit Freude, daß wegen der großen Beliebtheit Radio Varsovio **dreimal täglich** ein Esperantoprogramm ausstrahlt.

Aus dem Programm: Tagesereignisse, Sportmeldungen, wissenschaftliche Neuheiten, gesellschaftlich-kultureller Überblick, Geschichte, der Hörer fragt, wir antworten; was ist in Polen los?; Esperanto-Presseschau; der Aufbau des Sozialismus in Polen; Literatur-Rubrik; Sprachecke; Musik.

Die Sendungen unserer polnischen Freunde finden statt:

| Zeit | Wellenlänge |
|---|---|
| 6.30 | 200, 25,09, 31,45, 42,11, 50,04 m |
| 16.30 | 23,34, 31,50 |
| 23.30 | 200, 25,09, 31,45, 42,11, 50,04 m |

Man macht darauf aufmerksam, daß das Morgenprogramm die Wiederholung des Abendprogrammes ist und das bunte Programmheft unentgeltlich versandt wird.

Schreiben Sie an
**Pola Radio Esperanto Redakcio, Varsovio, Pollando**

**Neuruppin**

Die Kreisarbeitsgruppe Esperanto in Neuruppin hat im Heimatmuseum der Stadt eine Esperanto-Ausstellung aufgebaut, die sichtbar werden ließ, in welch vielfältiger Weise die Arbeit der Esperantisten wertvoll für den internationalen Kampf um den Frieden sein kann. Den Neuruppiner Freunden gebührt für ihre Initiative besonderer Dank und Anerkennung.

**Spertinterŝanĝa konferenco**

de delegitoj el la distriktoj Berlin, Potsdam, Schwerin kaj Rostock kaj observantoj el Neubrandenburg kaj Magdeburg arigis 70 esperantistojn la 19-an de oktobro en la luksa klubdomo de la Germana Kulturligo en Rostock. En sia referaĵo pri la VII-a Ligokongreso de GKL la vicprezidanto de Centra Laborrondo, *Eugen Menger*, skizis la novajn taskojn por la Germana Kulturligo post tiu ĉi signifoplena kongreso. Li montris tre verve, ke kultura laboro devas esti esenca parto en la ideologia batalo kontraŭ la imperiismo. La dua vicprezidanto de CLR, *Willy Vildebrand*, skizis kelkajn problemojn de la specifa laboro esperantista en la kluboj kaj grupoj de la Germana Kulturligo, montrinte, ke nur konkreta laboro observanta la socian socialisman realecon povas konduki al la altiĝo de la prestiĝo de Esperanto. En la diskuto estis tuŝitaj multaj gravaj problemoj.

S-ro *Schaeffs* el Potsdam montris la eblecojn de efektiva kaj altnivela laboro en la turismo. Same li raportis pri radio-intervjuo de la stacio Potsdam, kiun li donis al ĝi pri Esperanto.

S-ino *Hanke*, prezidantino de la distrikta laborrondo Rostock, montris tre klare kaj bone fundamentite per praktikaj ekzemploj la vojon al efika laboro per bona gvidagado. (Ni raportos pri tio ankoraŭ pli detale). S-ro *H. Diedrich* el Schwerin emfazis, ke tie estas bonaj sukcesoj en la laboro de la esperantistoj, kie la kunlaboro kun la gvidinstancoj de la Kulturligo estas aktiva. Pluaj diskutintoj tuŝis la estonton de nia laboro kaj interŝanĝis spertojn.

Speciale akcentinde estas la bona preparo de la konferenco flanke de niaj Rostockaj amikoj. Multaj tabuloj kaj malgranda ekspozicio raportis pri ilia laboro.

Dimanĉe parto de la partoprenintoj faris havenrondveturon aŭ ekskurson tra la urbo ĉe la Balta Maro. *— e —*

**La Centran Laborrondon vizitis:**

*D-ro Istvan Bacskai*, vicprezidanto de Hungara Esperanto Asocio estis tre interesa kaj amika diskutanto pri la pliprofundigo de la amikaj rilatoj inter HEA kaj CLR. Lia raporto pri la sukcesa laboro de la hungaraj esperantistoj certe donis valorajn impulsojn. La interparoladon partoprenis la viceprezidanto de CLR, *E. Menger*, kaj la sekretario *D. Blanke*. La interŝanĝitaj opinioj pri la esenco kaj maniero de efika laboro plene kongruis.

*D-ro Nedkov* el Sofio, gvidanto de la Bulgara Esperanto Muzeo, vizitis la centran Laborrondon kaj la Esperanto-Grupon Prenzlauer Berg tie prelegante pri la bulgara Esperanto-movado. Li antaŭe estis vizitinta la grupojn en Leipzig, Halle kaj Weimar kaj trovis multnombrajn kaj interesitajn aŭdantarojn.

---

*Die nebenstehend faksimilierte Grußadresse zum 750. Jubiläum der Ostseemetropole Rostock enthält insgesamt 47 Unterschriften von Esperantofreunden aus verschiedenen Städten der Sowjetunion.*




PER ESPERANTO POR MONDPACO

3. aŭgusto 196..

Al Rostok-an Esperanto-klubo

Karaj gesamideanoj!

Sovetaj esperantistoj-partoprenantoj de la X Balta Esperanto-tendaro tutkore gratulas Rostokan esperantistaron okaze de la glora 7.. jubileo de via belega urbo! Ni deziras al vi multajn sukcesojn en via poresperanta porpaca agado!

Stanĉuikova G. (Moskvo)
[illegible] Marija (Vinogradov, USSR)
[illegible] - Leningrad
[illegible] - Estonio [illegible]
[illegible]
A. Lastemieks (Latvio)
A. [illegible] (Riga)
V. Vereŝĉagina (Novosibirsk)
[illegible] (Kiev)
[illegible] Gold Riga
[illegible] Nigols (Tallinn)
[illegible]
Parmikov G. V. (Kartvelio Batumi)
Karlo [illegible] (Litovio)
[illegible] (M...
Minja [illegible] (Riga)
[illegible] (Tallinn)
Iv. [illegible] (Harkov)
[illegible] Vakter - Tallinn Es
[illegible] (Leningrad)
[illegible] (Leningrad)
Barbara [illegible] "
A. Paŭlukovec (Minsk)
[illegible] (Moskvo)
[illegible] (Estonio)
A. [illegible] (Riga)
[illegible] (Moskvo)

## EL LA DISTRIKTOJ

**Dresden**

80 geesperantistoj de la distrikto Dresden kolektiĝis la 11-an kaj 12-an de oktobro al bone organizita „distrikta renkontiĝo“ en la bela kuracloko Wehlen ĉe Elbe, kiun ankaŭ partoprenis du hungaraj gastoj kaj reprezentantoj de Centra Laborrondo. Post la salutvortoj de la prezidanto de la distrikta laborrondo Dresden, Walter Röhner, prelegis la membro de CLR, Hellmut Fuchs pri la temo „Humanismo-paco-Esperanto“. La preleginto montris per trafaj ekzemploj, ke la ofte propagandita neŭtraleco inter esperantistoj rilate milito estas rekte kontraŭ la humanisma idea fono, de kiu Zamenhof konstruis Esperanton. S-ro W. Brettschneider, lerta kunorganizinto kaj sperta ekskursgvidanto, montris belajn diapozitivojn pri la ĉirkaŭo de la „Saksa Svisio“.

Amuza vespero finis la tagon. Dimanĉo estis dediĉita al la spertinterŝanĝo de la esperanto-grupoj. Oni diskutis pri la eblecoj de efika laboro kaj la perspektivoj de Esperanto en GDR. —e

**Brüel**

Im Bezirk Schwerin wurde eine neue Arbeitsgruppe gebildet. 18 Esperantofreunde führten am 9. 10. 1968 unter der Leitung ihres Vorsitzenden, Dr. Till Dahlenburg, eine erste Begegnung durch, auf der u. a. der Arbeitsplan bestätigt wurde.

**Berlin**

In Berlin bemühen sich die Esperantisten in letzter Zeit ernsthaft um eine Verbesserung ihrer Arbeit. Der Bezirksarbeitskreis, der bisher zu inaktiv war, konstituierte sich neu und wird nun von Bundesfreund *Schonert* geleitet.

Als eine Grundvoraussetzung für die Verbesserung der Arbeit betrachten die Berliner Freunde eine gute Leitungstätigkeit.

Auf der letzten Sitzung des BAK wurde der neue Arbeitsplan diskutiert. Unter anderem wurde festgelegt, im November und Dezember in 3 Stadtbezirken Vorträge über das Wesen und die Bedeutung des Esperanto zu halten. Drei Anfängerkurse und ein Kurs für Fortgeschrittene beginnen im Dezember.

Die Gruppe Prenzlauer Berg hatte in den letzten Wochen interessante Gäste. Die Freunde *Al-Amili* aus Bagdad, *J. Sirbu* aus Bukarest, *Lajos Toth* aus Budapest und *Dr. Nedkov* aus Sofia trugen freundlicherweise dazu bei, daß die Gruppenabende interessant und vielgestaltig wurden. —e

Am 4. Oktober 1968 mußten wir Abschied nehmen von unserem unermüdlichen Freund und

**GENOSSEN**
**HERBERT TRUMMER**

Im Alter von nur 65 Jahren riß ihn der Tod von unserer Seite. Im Jahre 1932 fand er den Weg zur Kommunistischen Partei und war jederzeit, in guten und schweren Tagen, ein zielbewußter Kämpfer für Frieden und Sozialismus, ein treuer Anhänger der Arbeiter-Esperantobewegung.

Die Kreisarbeitsgruppe Greiz verliert mit ihm ihren erfahrenen Helfer und Berater.

*Erich Würker*

# LA CELON VI KLARE JA VIDAS

**(Du hast ja ein Ziel vor den Augen)**

La celon vi klare ja vidas,
por ke (do) ne eraru vi plu,
por ke vian taskon vi havu nun,
ĉar pli hele por ni suno nun brilu!
La mondo bezonas vin, kiel ĝin vi,
ne sen vi volas resti la mond',
la vivo estas belega melodi',
kamarad', kantu kun ni pri l' estont'!

Refr.: Por la homar'
la mondo, la suno,
gajaj la koroj,
brilas l'okul',
Prenas la manoj
ŝpatojn, martelojn,
forĝas la feliĉon,
helpu karul'!

Kaj se vi ĝam kun ni ekiris,
vi rajtas returni ne plu,
ni ĉiuj kunstaru por paco kaj
amikeco, por bela evolu'.
Ĉar bezonas ni vin, same kiel vi nin,
vi, la fonto, el ĝi ĉerpas forton ni,
do, nur antaŭen, freŝigu nin,
kamarad', nun la vojon montru vi!

Refr.

*Trad. Ludwig Schödl*

**Grava sciigo!**

Kiel vi jam per cirkulero de la Distrikta Laborrondo Karl-Marx-Stadt informiĝis, la por Oktobro planita Junulara Renkontiĝo apud Plauen prokrastiĝis ĝis majo 1969. Pro teknikaj kaŭzoj la okazigo fiaskis. Sed ne fiaskos nia plano organizi Junularan Renkontiĝon. En majo 1969 ni do renkontiĝu des pli bone preparitaj. Ĉiuj propagandu nian renkontiĝon! Ĉiuj preparu indan programeron!

**Nepre notu:** Junulara Distrikta Renkontiĝo — majo 1969 — Karl-Marx-Stadt.

**La 25-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO**

ĉijare okazis en Tarragona (Hispanio) de 3. 8. ĝis 10. 8. Pro nekompleto de la komitato ĉiuj decidoj kaj elektoj bezonas skriban konsenton de la komitato. Elektiĝis nova estraro kun la prezidanto d-ro Hans-Michael Maitzen (Austrio). En la komitato de TEJO nian CLR reprezentas *Hans Eichhorn.* TEJO flegas bonajn rilatojn kun CLR kaj atente observas la ĝermantan junularan movadon ĉe ni.

**Kial vi ne kontribuas por nia paĝo?**

Ni jam kelkfoje apelaciis skribi por kaj pri = „la juna esperantisto". Ni atendas viajn verkaĵojn, leterojn kaj kritikojn. *La red.*

# Ĉu venko?

Verŝajne vi konas lin bone:
la samidean' sen komparo.
Konstante li vokas admone:
Ni venku en tiu ĉi jaro!

Li vokas nin same tamburi
la lingvon de la paradizo
kaj nepre kun steloj diskuri
de ĉapo ĝis nokta ĉemizo.

Li skribas, parolas tutlande,
tagnokte li distelefonas,
presaĵojn elverŝas milkvante
kaj por propagando nin spronas.

Viktimo de li mi konfesu:
la troa fervoro konsternas.
Ĉar kiel la lingvo sukcesu,
se ne li unue ĝin lernas?

*poul thorsen*

# GERMANAJ ESPERANTO-STAMPOJ

**antaŭ la dua mondmilito kaj en ambaŭ germanaj ŝtatoj**

| | |
|---|---|
| 1923 Nürnberg | Varbstampo por 15a UK (maŝinstampo) |
| 1923 Nürnberg | 15a UK |
| 1929 Leipzig | 9a SAT-Kgr |
| 1947 Krefeld | Rejnland-Vestfala E-Kgr |
| 1948 München 1 | Varbstampo por germana E-Kgr (b) |
| 1948 München 8 | sama kun litero a |
| 1948 München | Germana E-Kgr |
| 1949 Kleve | Rejnland-Vestfala E-Kgr |
| 1949 Göttingen | Germana E-Kgr |
| 1950 Mainz | Germana E-Kgr |
| 1951 München | 36a UK |
| 1952 Düsseldorf | 25a SAT-Kgr |
| 1955 Limburg | E - Sprache der Welt (afrankstampo) |
| 1958 Mainz 1 | Varbstampo por la 43a UK |
| 1958 Mainz 1 | 43a UK |
| 1959 Dortmund | 32a SAT-Kgr |
| 1961 Stuttgart | 3a Kgr de IPA |
| 1962 Oberkirch | 40a germana E-Kgr |
| 1964 625 Limburg | E - Sprache der Welt |
| 1964 Soltau 1 | 42a germana E-Kgr |
| 1965 Düsseldorf | 43a E-Kgr |
| 1966 Bamberg | 44a E-Kgr |
| 1966 Uelzen 1 | 10a GEFA-kunveno |
| 1967 Düsseldorf | Filatelo & Esperanto |
| 1967 Fulda | 19a IFEF-Kgr |
| 1967 Hamburg | 45a germana E-Kgr |
| 1967 Karl-Marx-Stadt | 80 Jahre Esperanto |
| 1968 München 2 | 46a germana E-Kgr |
| 1968 Limburg | IKUE/KELI-Kgr |
| 1968 Neustadt | Jarkunveno de GEFA |

## Danzig (libera urbo)

1927 Danzig 5 Varbstampo por la 19a UK
1927 Danzig 19a UK

# Provizora listo pri Esperanto-stampoj 1968

| | | |
|---|---|---|
| Aix-en-Provence | februaro—aprilo | Varbstampo por 60a nacia kgr |
| Montecatini Terme | aprilo | 39a itala E-Kgr |
| Czestochowa | aprilo | 51a datreveno de morto de Z. |
| Lodz | majo | 60 jaroj de E en Lodz |
| Varna | majo | 20a IFEF-Kgr |
| Sundsvall | majo | 62a sveda E-Kgr |
| München | junio | 46 germana E-Kgr |
| Brüssel | junio | 50a belga E-Kgr |
| Katowice | junio | 4a helikopterpoŝto |
| Podebrady | junio | 3a ŝakturniro |
| Utrecht | julio | Varbstampo por E |
| Gyula | julio | 6a somera E-universitato |
| Limburg | julio | IKUE/KELI-Kgr |
| Sapporo | augusto | 55a japana E-Kgr |
| Utrecht | augusto | 41a SAT-Kgr |
| Madrid | augusto | 53a UK |
| Newcastle | septembro | 50 j E en Newcastle |
| Neustadt | oktobro | Jarkunveno de GEFA |

# Letero el Hungario

Nia amiko S-ro Gyarmathy Zsolt al ni sendis leteron pri la **Somera Universitato** en GYULA:

Karaj gelegantoj de „der esperantist"!

Jam pasis monatoj post la solena malfermo de la 6-a Somera Esperanto-Universitato. Por la legantaro de „der esperantist" ne estas tute nekonata la S. E. U., ĉar kamarado Arno Stechert el Schwerin skribis valoran resumon pri la 5-a S. E. U., kiun ankaŭ li partoprenis. Sed permesu al mi, ke mi skribu kelkajn frazojn pri S. E. U., ĉar ĝi estas unika fenomeno en la nia movado, kaj ĉiam fariĝas pli kaj pli mondkonata. Ĉi tion pruvas, ke en 1968 venis gastoj el 11 landoj kaj pasigis unu semajnon en vera Esperanto-medio. La urba ĵurnalo esperantlingve salutis la alvenintojn, la raportistino de Hungara Radio ĉeestis kaj sonbendigis la plej interesajn prelegojn, kiujn post kelkaj tagoj jam oni povis aŭdi per radie.

Permesu al mi komuniki kelkajn frazojn pri celoj de S. E. U: Antaŭ ĉio S. E. U. volas krei por la vizitantoj eblecon por la ekzercado de lingvo komuna, interkonatiĝi, interamikiĝi — kaj doni valorajn prelegojn el diversaj sciencobranĉoj, prefere el la natursciencoj. Ekzemple okazis prelegoj pri „Universala deklaracio de la homaj rajtoj" de A. Lasinski, „La realigo de la Delta Plano" de G. Roelofs, „La demando de la ekstertera vivo" de la direktoro de Observatorio Urania en Budapeŝt, — A. Ponori Thewrewk. La prelegoj ĉiam okazis akompanite per lumbildoj koloraj donintoj elkoran ĝuon al la aŭskultanoj. Veran internacian ekzamenon oni povis fari dum S. E. U. Ĉi tiun eblecon kaptis multaj samideanoj.

Post la valoraj prelegoj kaj ekzamenoj oni povis ĝui la termal-sanigakvon de la banejo kio utilas kontraŭ reŭmatismo en la grandega praparko. La bonega banejo situas apud la 13-a jarcenta fortikaĵo kiu estas unika en Mezeŭropo, ĉar ĝi situas sur ebenaĵo kaj estas el brikoj.

Karaj legantoj, mi nur povas inviti vin al GYULA, la urbo de la Somera Universitato, por 1969. Vi ĝuos neforgeseblajn tagojn kleriĝajn kaj ripozajn. Eble ĝis revido en julio?

Kun koraj kaj amikecaj salutoj

*Gyarmathy Zsolt*

---

**Solvo de la krucenigmo el n-ro 25:**

**Horizontale:** 1. moruso; 5. turd; 8. admon; 9. zibelo; 11. ruin; 13. agorafobi; 14. kota; 16. obolo; 17. krest; 22. aloo; 23. esperanta; 27. tort; 28. kiosko; 29. aerum; 30. lagr; 31. oblato.

**Vertikale:** 1. muziko; 2. rabato; 3. salo; 4. odoro; 5. torf; 6. unuo; 7. doni; 10. egal; 12. ibiso; 15. obuso; 18. rato; 19. elasta; 20. toporo; 23. etil; 24. prag; 25. eter; 26. nimb.

# La skandalo

Venas minijupknabino
tra la strato kun botetoj,
admirinda ŝia sino,
rave belaj la gambetoj.

„Nekredeble!“ kelkaj diras,
(tio ne ĝojigas min),
neaŭdante ŝi pluiras,
sopirrigardoj sekvas ŝin.

Kelkaj diras: „Tre sorĉanta!“
(La saman opinias mi)
Pri junularo nun vivanta
babilas pluraj; ridas ŝi.

Sed nun rigardoj vigliĝas,
ŝi venas renkonte al mi.
Siaj lipoj etendiĝas
mian kison sopiras ŝi.
La homoj gapas preskaŭ sen fino
ĉar tiu knabino – mia edzino!

*Tradukita el „Eulenspiegel“ de Wilfried Hofmann*

# Ŝercdemandoj

Kiu turo altiĝas kaj malaltiĝas?
Kiu tero estas super ni?
Kiu aĝo sanigas nin?
Kiu rano kantos?
Kiun filon oni nur vidas flanke?
Kiu oro estimigas la homojn?
Kiu ano ne estas manĝanta, sed manĝata?
Kiu pano estas trinkebla?

*Solvoj: tempera-turo, e-tero, mas-aĝo, sop-rano,*
*pro-filon, hon-oro, ban-ano, ĉam-pano.*

# KORESPONDDEZIROJ

**Belgio**

Deziras korespondi kun esperantistoj el GDR, **Julien Mostaert, 42-St-Maria-Aalterstr. Aalter-o. VL, Belgien**

**Bulgario**

17-jara junulo, **Valentin Trifonov, Kneja, „Al. Stamboliiski" 1,** dez. korespondi pri dancmuziko kaj literaturo; — **Inĝ. I. Stojanov,** kolektas bk kaj pm, **Plovdiv, poŝtkesto 163;** — Poŝtistoj kaj telekomunikistoj kunlaboru kun **Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto Asocio, Sofio, Poŝtenskakutija 25.**

**GDR**

Wer kann mir Fachwörterbücher irgendwelcher Art in Esperanto leihweise auf gewisse Zeit zur Verfügung stellen? Angeb. an **C. Kessler, 808 Dresden, Kieler Straße 28.**

**Hispanio**

**Vicente Plazaola.** dez. korespondi tutmonde, **Pintor Losada M-4 dd Bilbao.**

**Hungario**

Ni organizas senpagan esperantistan gastigon laŭ „Pasporto". Skribu al **Esperanto-Klubo, Kiskunhalas;** — Geedzparo 28-jara serĉas amikojn por turisma helpo dum venontjara aŭtovojaĝo tra socialismaj landoj: **Zonai Joszef, Allomas u. 2, I Kiskunhalas;** — Vizitonte Budapeŝton vi trovos ĉiam belan ĉambron por 1—2 personoj ĉe **s-ino I. Tasnadi, Csalogany u. 41, I. Budapest II,** Antaŭa demando dezirata; — Deziras korespondi kun germanaj esperantistoj **Maria Oravecz, Budapest XIV, Füresz u. 96.**

**Sovetunio**

Deziras interŝanĝi 8mm-kinofilmojn kaj pm kun esperantistoj el GDR **Pavel Serebrenitskij, Leningrad M 158, Moskovskoje ŝosse dom 2 kv 30.**

Por granda internacia ekspozicio pri V. I. Lenin 1970 bv. sendu broŝurojn, librojn, ilustritaĵojn, gazetartikolojn ktp. pri V. I. Lenin al **Evgenij Martiŝĉenko, pr-t oktjabrskij 23/13—19 Velikie Luki, Pskovskoj obl.;** — **Adam Pavlukovec,** instruisto de germana lingvo en mezlernejo, deziras interŝanĝi pk, adreso **v. Sloboda-2, Smoleviĉskij i-n Minskaja obl.;** — 25 jara filatelisto dez. korespondi pri filatelio, interŝanĝi kol. bildkartojn, fotojn, **Anatlio Dovbis, Ŝostka Sumsk, obl. Korolenko 43-3, Ukrainio.**

**Suria Araba Respubliko**

Arabaj studentoj deziras lerni Esperanton per helpo de germana lingvo: **Mohamed Schaher Schwekani, Maza Algalo Sproting Club Damasko;** — **Aref Chawaf, Marae, Gul-Gamal-Str. 48, beside: Arsad-Gauee, Damasko;** — **Malik Adel-Str. Averd-Building III, Damasko.**


Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Eugen Menger, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Detlev Blanke, Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Erwin Schleusener, Willi Vildebrand. — Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.

Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG